XIIIa jaro. No 185 (1) ⭑ Monata ⭑ 5 januaro 1916

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## *Al niaj legantoj*

*Al ĉiuj siaj legantoj, al ĉiuj Esperantistoj, la redakcio de „ESPERANTO", komence de tiu jaro, sendas siajn tutkorajn bondezirojn.*

*Por ni, kiuj malgraŭ ĉio ne ĉesis vidi en Esperanto ilon por la alproksimigo de la popoloj, malluma estis la ĵus finita jaro, — jaro de reciproka mortigo kaj malamo, de netolerado kaj malkulturo, jaro de heroaĵoj kaj gloroj ankaŭ, jaro de suferoj kaj ĝemoj por multaj regionoj de Eŭropo.*

*Ankoraŭ malproksima ŝajnas la horo, kiam denove la publika atento povos sin turni al la pacaj taskoj de la rekonstruado. Ni esperu, ke pli baldaŭa ĝi estos, ol supozigas la nunaj cirkonstancoj, kaj ni jam preparu nin por prudenta solvo de la postmilitaj problemoj.*

*Spite la malfavoraj kondiĉoj, kiuj malhelpas nian kutiman agadon, la verda standardo ne falis.*

*Kvankam multaj el niaj samideanoj estis vokitaj al la batalkampo, la Esperanta vivo ne estingiĝis. En granda nombro de lokoj, la Esperantistoj fidele konservas la sanktan fajron kaj prizorgas, ke ĝia lumo ne ĉesu elradii. Ĉiu komprenis, ke necese estas elteni, por ke la militventego ne detruu tion, kion kreis multpena agado. Ĉiu komprenis, ke Esperanto preterpasos la krizon, nur se ĝi estis sufiĉe forta por travivi ĝin.*

*Dum ĉi tiu periodo, nia gazeto restis la sola internacia ligilo. Ĝi klopodis regule informadi la Esperantistan publikon pri ĉiuj notindaj okazintaĵoj en nia movado, kaj en alia rilato, ne forgesante la altan idealon, kiu ĉiam gvidis la pionirojn de Esperantismo, ĝi penis aŭdigi voĉon de modereco kaj reagi, laŭ sia modesta povo, kontraŭ la kolektivaj pasioj elkateniĝitaj de la militmonstro.*

*Ke ĝia rolo estas taksita kiel utila, pruvas al ni la ricevitaj aproboj kaj dankatestoj. Sed bona agado fariĝas senutila, se ĝi ne povas esti sisteme daŭrigata. Nia gazeto eniras la duan militjaron. Por ke ĝi povu plue plenumi sian taskon, ĝi nepre bezonas la efikan subtenadon de ĉiuj ĝisnunaj abonantoj.*

*Ni ne dubas, ke ili mem komprenos tion, kaj — malgraŭ la plimalgrandigo, kiun al nia gazeto trudis la ekonomiaj necesaĵoj — restos al ni fidelaj por la nova jaro, — kiu espereble fariĝu la pacjaro . . .*

*ESPERANTO.*

* * *

*Al ĉi tiu N-ro ni aldonas, kiel jardonaceton al ĉiuj abonantoj, Esperantistan kalendaron por la jaro 1916. Ni esperas, ke ĝi trovos la aprobon de niaj legantoj, kiuj por propagandaj celoj bonvolu ĝin alfiksi je la muro.*

NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

VII

Resumo de la antaŭaj artikoloj: Ekzameno de la vidpunkto, kiu dependigas la solvon de la pacproblemo el individua aŭ socia transformiĝo, religia, ekonomia, politika aŭ kultura. Tiu vidpunkto malatentas la veran karakteron de la pacproblemo, kiu ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. La ekzameno de kelkaj okazintaj konfliktoj. Diferenco inter pretekstoj kaj veraj kaŭzoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilitoj. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. Pri la praktika apliko de la principo je memekzisto. La propono pri reciproka garantio de la landlimoj; ĝiaj mankoj.

La tria punkto de la minimuma programo ellaborita de la Konsilantaro de la Internacia Pac-Oficejo koncernas la organizon de *konstanta arbitracia tribunalo*. Ni jam antaŭe pritraktis la problemon de l' arbitracio, kiu estas la kerno de la pacifisma doktrino, kaj ni konstatis, ke tia, kia ĝi estas ĝis nun proponita, la arbitracio prezentas nesufiĉan solvon de la pacproblemo, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro, t. e. komune akceptitaj principoj pri la interŝtataj rilatoj, kaj la necesaj trudrimedoj, nome internacia armeo.

La kvara punkto de la nomita programo rilatas al la *limigo de la armadoj*. Tiu demando elvokis multajn diskutojn dum la antaŭmilitaj jaroj. La Haga Konferenco, kiu estis unue kunvokita en la celo serĉi taŭgan bazon por samtempa kaj laŭgrada limigo de la armadoj, ne atingis ian praktikan rezultaton en tiu rilato. En 1907 ĝi nur esprimis la deziron, ke la registaroj bonvolu serioze studi la demandon. La realigo de tiu deziresprimo certe ne trudis gravan laboron al la ŝtatistoj, ĉar de tiam la armadoj kreskis ankoraŭ pli rapide ol antaŭe!

Samtempa kaj laŭgrada limigo de la armadoj supozigas internacian konvencion per kiu ĉiuj kontraktantaj ŝtatoj firme promesas limigi sian armeon kaj militŝiparon (aŭ la koncernajn elspezojn) laŭ fiksota komuna mezuro. Unua fundamenta demando: kiaj estas la rimedoj, fiksitaj de la internacia juro, por certigi la respekton de la nomita konvencio? Se mankas tiaj rimedoj, se per aliaj vortoj la internacia juro reprezentas aron de reguloj, pri kies plenumo garantias nenia materiala forto, la pacifista jurkonstruaĵo staras sur sablo. Ni ne insistas pri tiu punkto jam antaŭe pritraktita, sed kiam oni analizas la diversajn proponojn de la pacifisma programo, oni ĉiam devas rememori, ke eĉ se tiuj proponoj estas bonaj en si mem, ili ne estas praktike efektivigeblaj tiel longe, kiel ne ekzistos efikaj trudrimedoj, sekve organizita ŝtatligo (federacio).

Sed ni momente flankelasu tiun demandon kaj ekzamenu la problemon mem de la limigo. Malgraŭ tio favoraj konkludoj ne estas eblaj. Por ke en la nuna sistemo de sendependaj ŝtatoj, la nacioj konsentu limigi sian armadon, estus necese, ke ili konfidu unu al la alia, tiel ke ili ĉesu kredi je eventuala minaco je sia sekureco. Nu, oni ne devas supozi solvita ĝuste tion, kio estas solvota. Ne la konfido, sed la reciproka malfido estas je la bazo de la interŝtataj rilatoj. Kvankam bedaŭrinda laŭ la morala vidpunkto, tiu fakto estas neevitebla, dum la nacioj konservas sian absolutan sendependecon kaj havas nenian alian kondutregulon ol la pure nacian intereson, konsideratan tra la nunaj politikaj antaŭjuĝoj kunligataj je la sistemo de internacia anarkio.

Ĉiu regno havas eksteran politikon, kiun determinas ĝia historio kaj ĝiaj estantaj bezonoj. En la nuna stato de la internaciaj rilatoj, la sukceso de tiu politiko dependas el diversaj faktoroj; inter ili havas unuan rangon la materiala forto, kiun reprezentas la armeo kaj la ŝiparo. Certe, la karaktero mem de la pretendoj de iu ŝtato, la lerteco de la diplomatoj, la kondukado de la traktadoj, la cirkonstancoj, nedubeble influas je la eksterlanda politiko, sed, finfine, eĉ mezvalora diplomato havas tiom pli da ŝancoj atingi sian celon, ke pli bone organizita estas la militista potenco de la regno, kiun li reprezentas. Oni diris, ke la milito estas la daŭrigo de la politiko per aliaj rimedoj. Sed kio estas vera pri la milito, tio estas ankoraŭ pli vera pri la militista potenco, ĉar en multaj okazoj nacio povas senmilite triumfigi sian vidpunkton pro la sola prestiĝo de sia supera forto. La ekzemploj certe ne mankas. Eĉ se ŝtato ne havas aktivan politikon kaj limigas sian ambicion je la konservado de la *statu quo*, ĝi tamen bezonas armeon por ŝirmi sian sekurecon, kiun ĉiumomente kapablas minaci najbaraj ŝtatoj, kies politiko sekvas aliajn principojn.

La armadoj estas do neevitabla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj: ĉiu ŝtato estas devigata havi pretan militistaron por ne suferi la leĝon de la najbaro aŭ por atingi, ke estu priatentaj ĝiaj interesoj, kiujn pro la ekzistanta anarkio ĝi ne povas defendi antaŭ regula internacia instanco. Realigebla estos limigo aŭ eĉ forigo de la armadoj nur kiam la ŝtatoj internacie kunligiĝos en firma organizo, kiu povos garantii la sekurecon de ĉiu regno.

En senpolicaj landoj, la atakrisko trudas al ĉiu homo la necesecon armiĝi, se li ne volas esti la viktimo de la pli sentimaj kaj pli senskrupulaj individuoj; sed tiu neceseco malaperas tuj kiam la socio mem garantias per sia polico la sekurecon de la personoj kaj de la bienoj. La militoj devenas al niaj politikaj anarkiaj ideoj; la armeoj estas nur iloj de la ŝtatpolitiko. Kiam la ideoj pri ordo forpuŝos la nunajn kredojn, la likvidado de la armadsistemo fariĝos kvazaŭ aŭtomate. Vana tasko estas peni pri ŝanĝo de la *ilo* (la armeo) antaŭ ol agi je ĝia *uzanto* (la registaroj, kiuj mem sin apogas sur la ĝenerala opinio).

La pacifistoj konfesas, ke en la ankoraŭ reganta interŝtata anarkio la ŝtatoj ja devas konservi armeon por sindefenda celo, sed ili opinias, ke grava estas antaŭ ĉio la proporcio. Laŭ ili, la ŝtatoj povus tiel bone certigi sian sekurecon, se ili interkonsentus por ne preterpasi certan gradon de militista preparado konvencie fikseblan.

Ĉe la diskutoj, kiujn okazigis la kunvoko de la Hagaj Konferencoj, la problemo de la armadoj estis ofte ektuŝita. Al multaj personoj ŝajnis, ke tio estis la plej praktike sukcesinda el la pacifistaj proponoj, ĉar ĝi respondis al la ekonomia intereso de la registaroj, kies militbuĝeto netolereble plialtiĝis de jaro al jaro. Tamen, la malfacileco trovi akcepteblan limigformulon estis tia, ke oni baldaŭ konstatis la neeblecon realigi praktikan rezultaton. Kiom facila estus limigo de la armadoj ĉe interŝtata organizo bazanta sur la popolrajto je memekzisto — ĉar tiuokaze la profundaj militkaŭzoj estus forigitaj — tiom malfacila, ĝi estas en sistemo, ĉe kiu la ŝtatoj restas tute sendependaj kaj ĉiam rajtas uzi

sian armeforton laŭplaĉe. Oni ekzemple proponis fiksi la ciferon de la militistoj aŭ la sumon de la militelspezoj laŭ la nombro de la enloĝantoj. Tiu propono estus akceptebla se la naciaj armeoj fariĝus elementoj de internacia militistaro, ĉar tiuokaze oni pli bezonas formulon praktikan ol formulon tute justan. Sed ĝi ne estas akceptebla ĉe stato, el kiu militebleco tute ne estas forigata. Tiuokaze por ke la limigo estu justa, necesus priatenti materialajn elementojn, kiuj grave influas la militistan potencon de lando, nome: la geografiaj kondiĉoj, la ekonomia stato, la industriaj fortoj, la disvolviĝo de la komunikiloj, la financaj rimedoj, la amplekso de la kolonioj, k. t. p. La okazintajoj bone montris, ke la nombro povas esti kompensata aŭ eĉ superata de aliaj faktoroj, kiuj ne estas precize takseblaj. El tio rezultas la malfacileco trovi komunan mezuron, laŭ kiu oni difinus la militistan potencon de ĉiu nacio.

Estis ankaŭ proponite, ke, uzante kiel bazon la milit-buĝetojn je fiksita jaro, oni interkonsentu ne plu altigi ilin, eventuale eĉ ilin malaltigi konforme al certa proporcio. Tiu sistemo praktike kondukus al la konservado de la *statu quo*. Ĝin ne apogos la ŝtatoj, kiuj sentante sin kapablaj fariĝi militiste pli fortaj kaj sekve havi novajn politikajn gajnojn, estus devigataj haltadi kaj ne ĝeni la digestadon de la ŝtatoj, kiuj jam atingis la maksimumon de l' armado.

Fine, eĉ se oni trovus akcepteblan formulon — tio povus okazi post milito, kiu lasus la naciojn ekonomie malfortiĝintaj kaj el la limigo farus materian necesaĵon — la problemo tamen ne estus solvita, ĉar restus sensolva la ĉefajo, nome la demando pri garantio de la konvencioj. Kiel ŝtato konsentus malfortigi sian militistan potencon, se ĝi ne havas la nepran certecon, ke tiu de la najbaraj ŝtatoj estos samproporcie malfortigata? Oni diras, ke speciala kontrolo devos esti aranĝata. Krom tio, ke internacia kontrolo ne estas facile organizebla kaj ke ĝia ekzisto mem kontraŭstaras je la ideo de nacia suvereneco, kiun pretendas respekti la pacifistoj, ĝi ne realigas veran garantion, tiel longe kiel mankas la sankcioj, neapartigeblaj de ĉia pozitiva juro. Tiuj sankcioj ne plu estus necesaj nur kiam la nacioj, foriginte malkonfidon kaj suspektemon, povus garantii, ke ili ĉiam lojale aplikos la regulojn de la limiga konvencio. Nu, tio estas postuli ion neeblan en la nuna stato de internacia senorganizo, ĉar tiuj sentoj devenas el la ĝeneralaj kondiĉoj de la mondpolitiko. La reĝimo de la interŝtata anarkio naskas la malsekurecon kaj la suspektemon; el ĝi rezultas la sistemo de la armadoj.

Konklude, la demando pri la limigo de la armadoj dependas de la pli vasta problemo pri la transformo de la ideoj kaj kredoj, kiuj regas la tutmondan politikon. La unua tasko do ne konsistas el tio, ke oni serĉu praktikajn limig-formulojn, ĉar — kiel ajn taŭgaj ili ŝajnas en si mem — ilia efektivigebleco ĉiam estos ligata je la grado de internacia organizo kaj unuiĝo, kiun atingis la civilizitaj nacioj. La interkonsentigo pri la fundamentaj principoj de la internacia juro (rilatoj inter la ŝtatoj kaj la popoloj) kaj la kreo de la organoj necesaj je la funkciado de la ŝtatligo estas la unua tasko, al kiu subordiniĝas ĉia alia.

Ekzistas ia ebleco, ke sekve de la terura krizo, kiu nun skuadas la mondon, interkonsento pri la armadoj okazos inter la ŝtatoj, enŝuldiĝintaj, malfortigitaj, lacegaj je la longa batalado. Dezirante doni al la seniluziigitaj popoloj ian ajn pacgarantion, eble la registaroj alprenos kelkajn empiriajn formulajn decidojn, laŭ la senco de la pacifistaj proponoj. Sed ni gardu nin kredi je la daŭra efiko de iliaj agoj, se anstataŭ esti la rezultato de profunda transformiĝo de niaj politikaj ideoj, ili nur estas la efiko de momentaj ekonomiaj necesaĵoj aŭ de la tedsentoj sekvantaj ĉian supermezuran fortostreĉadon. Tiu kredo estus malfeliĉo por la mondo, ĉar ĝi deturnus la homojn el la energia agado, kiun postulas la nomita transformiĝo de la mondpolitikaj ĉefideoj. Kaj aliparte, se niaj spiritoj estus ankoraŭ regataj de la nunaj antaŭjuĝoj, la pacemaj decidoj alprenitaj de la registaroj pro la neceseco havus nur la rezultaton krei kelkjaran paŭzon, dum kiu la militintaj regnoj kuracadus siajn vundojn kaj iom post iom, sub la influo de niaj neŝanĝitaj ideoj, rekomencus la armadkonkuradon, kronotan per novaj buĉadoj.

La limigo de la armadoj estos daŭra nur tiom, kiom niaj spiritoj malarmos.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## Spertoj pri la malpermeso de l'alkoholo en Rusujo

Post la malpermeso de la alkoholo en Rusujo trairis la eŭropajn gazetojn kelkaj artikoloj, kiuj laŭdis ĝian rimarkindajn efikojn. Sed iom post iom plimultiĝis raportoj malfavoraj al la malpermeso, kaj ili aperis en tia nombro, ke oni povus kredi, ke estus kreita vera konspiro kontraŭ ĝi. Multfoje alvenas novaj telegramoj, el suspektindaj fontoj, kiuj notinde pligrandigas la neeviteblajn malbonojn de tiu malpermeso. Kaj oni uzas tiujn faktojn pli malpli verajn por proklami, ke la rusa malpermeso estas grandega malsukceso, unu el tiuj paperaj reformoj pri kiuj konsilinde estas ne tro paroli. Kiu konas la muzikantojn — estas la samaj en ĉiu lando — ne miras pri la melodio. Ankaŭ el la 19 usonaj ŝtatoj, kiuj malpermesis ĉiun alkoholan trinkaĵon, alvenas preskaŭ regule mirigaj rakontoj pri la malkontenteco de la senalkoholigita popolo, pri ĉiamaj trompadoj, subaĉeto de la juĝistoj, k. t. p. Sufiĉas atentigi, ke per malpermeso de alkoholaĵoj la fabrikantoj kaj vendistoj de brando, biero, vino k. t. p. perdas, eĉ se ili estas sendomaĝigataj, sian gajnon kaj la politikan influon; komprenebla do estas ilia defendo. Ke preskaŭ en ĉiuj landoj tiuj industriistoj kunmetis grandajn monsumojn por tiu celo, ke la batalo por la propra profito estas plej ofte vestata per belsonaj frazoj (oni defendas la liberecon, la rajton de la homo kontraŭ areto de pesimistoj, k. t. p.) kaj ke por la alkoholistoj la vojo de la vero estas multe pli larĝa ol por aliaj homoj, tio estas faktoj, kiujn ĉi tie ni nur konstatu. Aliflanke la kontraŭalkoholuloj nek havas tiajn monsumojn, nek gajnas per atingita malpermeso, nek povas al si favorigi la ĵurnalojn per tutpaĝaj anoncoj por siaj produktaĵoj. Por scii la veron oni malfidu do al la notoj kaj informetoj lerte dissemitaj en la gazetoj kaj informu sin ĉe seriozuloj. Rilate al Rusujo ni havas la plezuron represi artikolon de la redaktoro de *„Dagens Nyheter“*, la konata sveda doktoro *A. Karlgren*, kiu ne estas abstinento kaj bone konas Rusujon. Post nova, kelksemajna vojaĝo en tiu lando, li resumis siajn impresojn en la vortoj: La sperto kun la malpermeso en Rusujo ne estis sufiĉe serioze prikonsiderata en Svedujo. Li daŭrigas:

Mi ne pretendas tro multe, dirante, ke la grava rusa reformo estis tro malalte taksita de miaj samlandanoj. Popolo kiel la sveda, kiu dum longaj jaroj faris spertojn en la kontraŭalkohola laborado, havas penon kredi, ke la vojo al ĝenerala sindeteno estas tiel simpla, kiel la vojo, kiun uzis la rusoj: Imperiestra ukazo, kiu en unu nokto transformigas la landon hieraŭ alkoholizitan en landon hodiaŭ abstinentan. Kio estas, oni diras, tiu rusa iniciato, se ne la esprimo de la nekorektigebla rusa optimismo, kiun tiel bone oni konas el aliaj aferoj; la esprimo de la naiva kuraĝego, kiu ĉiam

karakterizis la tieajn socialajn reformistojn, kiuj sin ĵetas en gigantajn entreprenojn kaj baldaŭ devas rekoni sian senpovecon. Ĉetere, ĉu tiu atako kontraŭ alkoholo ne jam perdiĝis en la sablo? Ĉu oni ne legas ĉiutage rakontojn laŭ kiuj la alkoholema Rusujo sukcesis fari el la leĝo senvivan aron da reguloj, kies teoria ekzisto nur donas plian ĉarmon al la trinkado de brando?

Sed Svedo, kiu, kiel mi, travojaĝas Rusujon por iom studi la rusan malpermeson kaj atendas fari amuzajn spertojn pri la artifikoj de la loĝantoj por ĉirkaŭiri la leĝon, tiu devas konfesi, ke la skeptikeco, laŭ kiu li ĝis nun juĝis, estas forte ŝanceligata. Unue oni estas tre surprizata, poste la fenomeno serioze imponas. Kompreneble oni nek povas riski precizajn antaŭdirojn pri la estonto de la rusa kontraŭalkohola reformo, nek estas eble eltiri el la rusa ekzemplo konkludojn, kiuj valorus por la abstinenta movado en aliaj landoj. Tamen, eĉ se la studo farebla pri la efikoj de l' malpermeso ne estas profunda, oni povas certigi, ke la forigo de l' brando havis preskaŭ revolucian influon.

Ĝenerale la rusa malpermeso estas malbone komprenata eksterlande, tial, ke oni montris ĝin kiel reformon trudatan al la popolo, kontraŭ ĝia volo, kiel agon de progresema aŭtokrato. Fakte la historio montras, ke la popola opinio ludis gravan rolon. La postulo forigi la brandon estas malnova. De kiam grafo Witte enkondukis la ŝtatan monopolon de brando, monopolo, kiun liaj partianoj glorigis ne sole kiel financa, sed ankaŭ kiel sociala progreso, la trinkado konsiderinde pligrandiĝis, kaj la komunumoj kaj urbaj administrantaroj ne laciĝis, voĉdonante rezoluciojn kun la petego malpermesi la venenon. La rusa popola movado kontraŭ alkoholo, kies gravecon oni kutime malbone taksas pro nescio, havas specialan karakteron: la lastajn jarojn fondiĝis en miloj de rusaj lokoj abstinentaj societoj kiujn kondukas personoj nomitaj fratetoj; ĝi estas movado duone mistika kaj sekta.

Sed longatempe estis sensukcesaj ĉiuj klopodoj por ke la influaj rondoj leĝdonu kontraŭ alkoholo. Nur de komenco de 1914, kiam la financa ministro Kokoszoff estis anstataŭata de la nuna ministro Bark, aperis imperiestra reskripto, kiu formale ordonis al la prefektoj sin alkonformigi al la publika opinio kaj fermi la brandvendejojn, kie la loĝantaro tion postulis. La imperiestra ordono donis viglan impulson al la abstinenta propagando.

Poste, samtempe kun la ordono de la mobilizado, la 30. julio 1914, ĉia vendado de brando estis malpermesata sur preskaŭ la tuta rusa teritorio. Tiu malpermeso estis konsiderata nur kiel provizora, forigota post la mobilizado. Sed nun la publika opinio, unuiĝinta kiel malofte okazis, aŭdigis sian voĉon.

La kamparaj kaj urbaj komunumoj, la kooperativaj asocioj, societoj kaj unuiĝoj ĉiuspecaj, petis, ke la vendon de brando oni malpermesu dum la tuta daŭro de l' milito, se eble eĉ por ĉiam. Post kelkaj ŝanceloj kaj malgraŭ la avertoj de la financistoj la registaro decidis sekvi la popolan opinion. Komence de septembro imperiestra ukazo malpermesis la vendadon de alkoholaĵoj ĝis la militfino. Unu monaton poste, la caro respondis al honoriga telegramo de la societo de l' kristanaj rusaj abstinentoj, certigante, ke por ĉiam kaj en la tuta regno li malpermesos la vendon de brando per monopolo. Ke la malpermeso estis ĉe sia proklamo salutata per ĝenerala ĝojo, estas ne disputebla fakto. Sed oni povus supozi, ke, kiam la rusa popolo sin klinis sub la ordono, tio okazis pro la patriota fervoro, kiu tuj post la militdeklaro ekflamis en la tuta lando, dum nun, post la kvietiĝo de l' unua entuziasmo, la sekvoj estas malpli volonte portataj.

Kia, oni demandas, estas nuntempe la publika opinio, je la komenco de la dua senalkohola jaro? La rondoj en kaj ekster Rusujo, kiuj kun malamikaj sentoj konsideris la malpermeson, certigas, ke jam ĝi perdis ĉiun realan valoron. La brandemuloj, oni diras, sciis elturniĝi tiel, ke la trinkado estas preskaŭ sama kiel sub la monopolo. Certaj rusaj ĵurnaloj faris ĉion eblan por disvastigi tiun opinion, pligrandigante la konstatitajn agojn kontraŭ la malpermeso. Iliaj novaĵoj pri sekretaj kaj surprizitaj brandfabrikejoj, pri dumlabore arestitaj miksistoj de anstataŭaj trinkaĵoj, estas ankaŭ eksterlande akceptataj kiel pruvo, ke la eksperimento bankrotis. Volonte ni konsentas, ke la malpermeso ne plene ŝtopis la rusan brandbarelegon. La vojaĝanto tion jam rimarkas en la grandurbaj restoracioj. Estas necesaj nek tre energiaj klopodoj nek multaj metalsonaj argumentoj por ke la kelnero kaŝe anstataŭu la permesatan *kvass*, trinkaĵo kun malmulte de alkoholo, per io pli forta. Sed tiu negoco estas tre limigata. Unue, ĝi ne fariĝas ĉie; ofte diskretaj aludoj restas sen kompreno kaj rektaj petoj estas malakceptataj. En tiu okazo supozinde estas, ke antaŭ nelonge la restoraciestro ricevis viziton de la polico, tiel ke lia mongajnemo ne ankoraŭ povis venki la timon je dua monpuno. Due, oni ne povas havigi al si tiamaniere ĉiujn trinkaĵojn. Preskaŭ neeble estas ricevi *vodka*, kaj same estas kun la biero, dum ekzistas ankoraŭ grandaj provizoj de vino kaj de diversaj brandspecoj. Trie, kaj tio estas tre grava, tiuj trinkaĵoj atingis tian senmezuran prezon, ke la popolamaso ne povas ilin mendi. Laste ni aldonu, ke la restoracioj kaŝe vendantaj alkoholaĵojn faras tion ĉiam tre modere; eĉ se la polico fermas iom la okulojn rilate la malpermesatan komercon, oni ne riskas debiton sufiĉe grandan, ke el ĝi okazus scenoj de ebrieco.

La sekvo estas, ke, eĉ se oni vidas brili en la kristalboteloj ion alian ol la *kvass*, la vivo de la rusa restoracio aspektas tre sobra. La vivado mem ne multe ŝanĝis. Certe la dumnokta trafiko estas haltigata; sed dum la tago oni ne observas, ke la malpermeso estas foriginta la gastojn aŭ ke mankas la kutima gajeco. La ruso havas ĉiam, eĉ dum plej malfeliĉaj tempoj, ŝatindan provizon de bonhumoro, kaj bezonas malpli ol aliaj popoloj serĉi sian kontentigon sur la fundo de l' glaso. Kaj, interkrampe dirite, tio estas por li despli facile, ke la anstataŭa trinkaĵo, la *kvass*, tia kiel la rusoj lernis ĝin prepari dum la lasta jaro, estas rimarkinde bongusta.

Tamen oni devas konfesi, ke la malpermeso naskis en la vivado de la restoracioj revolucion malagrablan al la klientoj: la prezoj fariĝis preskaŭ fantaziaj. En la plej bonaj restoracioj de la grandaj urboj oni povas apenaŭ manĝi por malpli ol du aŭ tri rubloj; kaj, por botelo da *kvass*, valoranta proksimume 5 centimojn, oni devas pagi duonan rublon aŭ plu.

Eĉ rilate la grandan popolamason oni devas konstati, ke ne estis eble efektivigi plenan sindetenon. Je la komenco de la milito la brandfabrikado en la domoj kaj la kaŝita produktado floris iomete ĉie. Laŭ informo de la financa fako oni ektrovis, dum la unuaj monatoj de la malpermeso, ĝis 2825 brandejojn. La plimulto fabrikis specon da alkohola trinkaĵo vendita sub la senkulpa nomo de *Kumuchka*, baptopatrino. Sed la traserĉoj organizitaj de la polico kontraŭ tiu komercaĵo estis tre efikaj, kiel oni certigis al mi de diversaj flankoj. La sola danĝero, kiun por la momento timas la rusaj kontraŭalkoholuloj, estas la pligrandiĝanta uzado de la tiel nomitaj „anstataŭaj trinkaĵoj".

Unue oni uzis industrian alkoholon. Poste oni helpis sin per diversaj specoj de lako, kaj nun estas la „Kölna akvo", kiu fariĝis la laŭmoda trinkaĵo de la rusaj alkoholuloj. Ĉi tiu estis speciale malsaniga, ĉar ebrieco per ĝi preskaŭ certe alkondukas la morton. Tamen la amplekso de tiu uzado de anstataŭiĝiloj, pri kiu la malamikoj de la malper-

meso multe bruis, ne devas esti trograndigata. Personoj, kiuj detale studis la cirkonstancojn, deklaras, ke nur la plej nerebonigeblaj drinkuloj uzas tiajn rimedojn kaj ke, en multaj okazoj, ili tion farante nur daŭrigas kutimon, al kiu ilin kondukis ilia kontraŭnatura gusto jam antaŭ la malpermeso de l' brando. Estas homoj, kies plena venenigo per alkoholo estus, laŭ la diro de multaj, granda bono por la socio. Sed la rusa popolamaso, la grandega plimulto de la loĝantaro ne uzas, laŭ tiu deklaro, iujn anstataŭajn trinkajojn.

Cetere ne estas necese citi kompetentulojn por konstatigi, ke la rusa modereco ne estas blufo. Eĉ la okaza vizitanto de la lando ricevas pri tio klaran impreson. Dum trisemajna restado en Petrograd kaj Moskvo ebriulon mi vidis unu solan fojon: estis individuo, kiu, en antaŭurbo de Petrograd, ŝancelpaŝis sur la bulvardo, disvastigante atmosferon de industria alkoholo, kiu, dum momento, forigis ĉiujn aliajn, tiel multspecajn odorojn de la rusa strata vivo. Sed, por la resto, mi observis, ke en la laboristaj kvartaloj, kie antaŭe oni renkontis je certaj horoj de l' tago apenaŭ unu ne ebrian personon, regas nuntempe modela sobreco, kiun la sveda ĉefurbo povus envii al la rusa. Kaj eĉ la placo Skäl en Moskvo, siatempe la plej malbonfama ejo en Rusujo, estas nun tiel sobra, kiel sveda loĝio de Bontemplanoj.

Parolante kun rusoj pri la efiko de la malpermeso, oni regule aŭdas la saman certigon: la alkohola reformo estas en sia graveco komparebla nur kun unu alia reformo en la tuta rusa historio, t. e. la forigo de la servuto.

Proksima estas la penso, ke tiu juĝo estas iom trofrua, kaj ke oni prudente agus atendante ĝis kiam oni havos bazon pli larĝan ol la sperton de unu sola jaro. Aliflanke la spertoj, kiujn oni mem faras kiel tiuj, kiujn seriozaj observantoj raportas, estas vere rimarkindaj. Jam la urboj estas bona ekzemplo. Neniam Petrograd kaj Moskvo donis impreson de tia relativa bonfarto kiel nun, malgraŭ la milito kaj la multkosteco de la vivado. Oni havas penon rekoni la rusajn stratojn. Tipa malagrablajo, la almozpetanto, kiu vin preskaŭ je ĉiu paŝo haltigis, petante: „Kopekon, por aĉeti panon, je la amo de Dio", t. e. monon por brando, tiu homspeco plene malaperis, ne lasinte postsignon. La malriĉaj klasoj ŝajnas esti pli bone nutrataj kaj certe estas pli bone vestitaj ol antaŭe. Eĉ la *Izvochtchik* (veturigisto), tiu neplibonigebla trinkemulo, sukcesis sin tiel plibeligi, ke oni sin ĝenas, alparoli lin per la kutima „ci".

Sed — kaj pri tio regas nur unu opinio en la tuta lando — en la kamparaj regionoj la bonfaro de la malpermeso estas plej videbla. La rusan vilaĝon oni ne plu povas rekoni; jen la juĝo de ĉiuj, kiuj de proksime studis la problemon. La centoj da milionoj rubloj, antaŭe elspezitaj por *vodka*, restis en la poŝoj de l' kamparanoj. Kaj la milionoj da labortagoj perditaj siatempe pro la ebrieco kaj ĝiaj sekvoj, pligrandigis la ekonomian kapablon. La rezultato estas, ke la rusa vilaĝo kvazaŭ sin banas en oro. La kamparanoj komencis manĝi viandon, luksegon, kiun antaŭe ili permesis al si nur dum kelkaj tagoj jare. Ili komencas sin iom bone vestigi, aĉetas bruton kaj maŝinojn por terkulturado. Regas bonstato, kiun antaŭe oni eĉ ne revis.

Sed ĉu vere oni konservos la malpermeson post la milito? Jen grava demando. La respondoj estas diversaj. Ke la *vodka* riskas resti elpelata por ĉiam, pri tio interkonsentas ĉiuj opinioj. La rusa popolo, inter ĝi speciale la virinoj, kaj inter ili unuavice la edzinoj de la kamparanoj neniam plu toleros la revenon de la brando. Rilate la vinon, la opinioj estas malsamaj. Konsiderindaj partoj de Rusujo vivas el la vinkulturado, kaj iliaj loĝantoj kutimas trinki vinon kiel akvon, sen ke la malbonaj sekvoj estas treege senteblaj. Se do multaj rusoj, precipe la reprezentantoj de l' sudo, defendas la liberan vendadon de vinoj relative malfortaj, troviĝas multaj aliaj personoj, precipe en la progresemaj klasoj, kiuj postulas la konservadon de la plena malpermeso. Estas antaŭvidinde, ke post la milito okazos gravaj disputoj inter ambaŭ tendencoj.

Pri la financa stato de la lando, deputato en la Duma, S-ro Krupenski, donis al mi jenan ekzemplon: „En la urbo, kie mi loĝas, estas 5000 personoj. La lastajn jarojn ili elspezis jare 40,000 rublojn por brando, t. e. 8 rublojn po loĝanto. Se ĉiu el ili konservas 5 rublojn kaj donas la 3 aliajn al la ŝtato, kaj se tio fariĝas en la tuta lando kun siaj 200 milionoj da loĝantoj, ni havos enspezon de 600 milionoj da rubloj, kiuj proksimume egalvaloras al la ĝisnuna gajno el la brando."

Kompreneble tiu kalkulo nur estas malpreciza, sed ĝi enhavas parton de la vero. Estas tute certe, ke netrinkema Rusujo bone povos elporti la pliajn impostojn, kiujn la forigo de la alkohola monopolo faras necesaj.

La estontaj danĝeroj por la malpermeso estas aliloke. Se la popolo estas finance sufiĉe forta por ĝin elteni, ĉu ankaŭ daŭros la morala forto? Kio donis al la *vodka* tiom da influo sur la rusa *mujik*, estas ke ĝi plenigis malplenan lokon en lia unuforma, seninteresa vivo. Tiun liberan lokon oni devas provizi per io, por ke la forigo de l' brando povu daŭri. Jam oni aŭdas ĉie personojn plendantajn, ke ili ne scias kion fari el sia libera tempo kaj mono.

La rusaj abstinentoj rekonis la neceson doni al la popolo tiun „ion", kiu povus anstataŭi ilian estintan amikon kaj konsolanton. Almenaŭ en kelkaj partoj de la lando oni entreprenis viglan propagandon por provizi urbojn kaj vilaĝojn je „domoj de l' popolo", en kiuj la malriĉuloj povas pasigi sian liberan tempon kaj laŭplaĉe amuziĝi; popolaj domoj kun malgrandaj kunvenejoj por societoj, kun refreŝigejoj, bibliotekoj, legoĉambroj kaj salonoj por paroladoj kaj montro de lumbildoj. Tiun vintron oni malfermos en Moskvo 20 tiajn domojn, kaj la Zemstvo de Poltava akceptis proponon laŭ kiu 300 popoldomoj estos kreataj en la gubernio.

La iniciato estas laŭdinda, sed ne ankoraŭ sufiĉa. Intensa laborado estas necesa por plialtigi la intelektan kaj moralan nivelon de la rusa popolo. Se ĝi sukcesos, la sindeteno povos daŭri kaj estos plu ol nur unujara epizodo en la rusa historio.

*D-ro A. Karlgren.*
Trad.: *Ed. Stettler.*

---

## La ekonomia flanko de l' vegetarismo

II

Do por Darwin ankaŭ, la demando pri la nutrado ne estis ankoraŭ solvita statistike, kiel li deziradis, sed oni devas atenti jenajn du punktojn.

1e La demando, kia estas la plej bona nutrado, ne ĉiam samiĝas kun la demando, kia dieto disvolvas la plej grandan korpan forton, — oni povas, efektive, supozi, ke iuj nutromanieroj pliigas por kelka tempo la muskolan forton, sed samtempe influas pereige la sanon.

2e La sano dependas ne sole de la nutrado, sed ankaŭ de la loĝado, sinvestado, kondiĉoj de ekzistado, en kiuj troviĝas la komparataj homoj, kaj de la grado, ĝis kiu la fiziologiaj bezonoj povas esti kontentigataj.

Estas en la universo certa kvanto da materio, kaj tiu ĉi kvanto estas konstanta. La plikresko de la loĝantaro devas esti sekvata de malpliigo je la nombro de hejmobestoj; ili estos malaperantaj kaj la plantoj pliiĝantaj. Se ne estus tiel, la tero fariĝus ĉiam malpli loĝebla por la homo, ĉar superfluo de karbonika acido estus formiĝinta, kaj tio aliigus

la konsiston de aero tiagrade, ke la homo ne povus plu vivi. Male, pliiĝo de la vegetaĵa vivo favoras la kemian malkombinadon de la karbonika acido, kaj tiu ĉi procedo pliigas la kvanton de oksigeno, necesega por la homa vivo, samtempe, kiel la malpliigo de l' vianduzado sekvigas malpliigon de la kvanto de oksigeno, necesa por la individuo.

La disvastiĝo de l' terkulturado estas necesa, por pliigi la nutrorimedojn. Al la pliiĝo de la loĝantaro respondas granda kvanto de animalaj specoj, ĉar ili malhelpas utiligi la grundon. Se ne estus tiel, ne nur la provizoj estus nesufiĉaj, sed la produkteblo de la vegetaĵaro estus malpliiĝinta.

Ekzistas *nexus causalis* inter diversaj fenomenoj, kies rompo nepre sentiĝas la sekvojn.

*Ju pli da homoj, des malpli da bestoj.*

La demando prezentiĝas jene: Ĉu estus eble, ke la tuta homaro sin nutru el viando? Oni devas konsideri, ke la plimulto da homoj tute ne manĝas viandon aŭ nur escepte. Ĉu troviĝus sufiĉe da viando, se ĉiuj ĝin uzus? Tute ne, kaj oni povas pruvi, kun matematika certeco, ke la tero estas vere tro malgranda, por nutri per viando la tutan loĝantaron. Neuman Spallart skribis ie, ke se, iumomente, ĉiuj bovoj, bovinoj, ŝafoj kaj porkoj estus buĉitaj kaj ilia karno disdonita al ĉiu loĝanto, la provizo sufiĉus sole por nutri la Eŭropanojn dum unu jaro, donante al ĉiu porcion je 340 gramoj. Kvankam la proporcio estas multe pli favora en Ameriko kaj en Aŭstralio, — ankaŭ tie la eblo nutri la tutan loĝantaron forestas.

En Ĥinujo estas regionoj, kie 16,000 personoj vivas sur unu kvadrata mejlo, kaj la tro densa loĝantaro ne permesas bredi la brutojn. Tie ĉi kaj tie oni bredas porkojn por utiligi la kuirejajn restaĵojn. La viando en tiu ĉi lando estas granda maloftaĵo, kaj nur tiamaniere povas vivi tiom granda loĝantaro; tio estus tute neebla, se ĉiuj aŭ multaj ĥinoj manĝus viandon. Tia multnombra kvanto da personoj sur unu kvadrata mejlo ne estas eĉ maksimumo, ĉar la produktemo de la grundo permesas rean pliiĝon de rikoltoj.

La malpliiĝo de brutoj en la plimulto de Eŭropaj ŝtatoj estas fakto konstatita, kaj ĝi estas demando tre urĝa, je kiu la politika ekonomio devas nepre sin okupi: konsiderinte la pliiĝon de la loĝantaro, kia estas la proporcio inter la homoj kaj hejmaj bestoj? Ĉar la tero estas la manĝoprovizejo de l' homoj kaj de l' bestoj, la plimultiĝo de unuj kaj de aliaj dependas de la kvanto de provizoj liverataj de tiu ĉi ejo.

Teorie, estas tre malfacile difini la limojn, aŭ pli ĝustadire fiksi, kiam la pliiĝo de la loĝantaro neprigos malpliiĝon de la brutaro, sed en la praktiko tiuj ĉi limoj estas jam diversaloke atingitaj.

Do, la ekonomiaj kondiĉoj devigos la homojn reveni al fruktomanĝado. Tial la demando pri la bestomalpliiĝo fariĝas ĉiam pli kaj pli interesa.

Jen la demandoj prikonsiderotaj; tiu de la loĝantaro, tiu de la rilato inter la plikresko de la loĝantaro kaj la brutaro; tiu de l' produktemo de grundo en kondiĉoj de intensa kulturo, per kiu la produktemo povas atingi tian gradon, ke ni ne povas eĉ difini la limon. Estas ankaŭ la demando pri la sterkado, ĉar la manko de animalaj sterkoj devos esti kompensata per uzado de kemiaj sterkoj kaj per la kolektado de homaj ekskrementoj. En Ĥinujo estas tre malĝentile manĝi ĉe iu, ne uzinte la necesejon.

Estas, plie, la demando pri la bestomalpliiĝo kaj certe aliaj demandoj ne nomitaj de mi.

La fiziologoj deziras plivastiĝon de la vianduzado, sed se la naturo ne produktas la rimedojn, por kontentigi tiun ĉi deziron, sin trudas jena leciono: la naturo tion ne deziras, kaj la movado, atentanta la naturon, rajtas ekzisti por la profito de la socio kaj estas pravigata de l' ekonomia vidpunkto.

Pro sia vasteco la temo estas neelĉerpebla dum mallonga tempo: oni ne povas pli fari, ol malkovri horizonton por stadado.

Sed, ĝenerale, mi ne povas imagi, ke civilizacio, vere inda je tia nomo, povas ekzisti kun loĝantaro viandmanĝanta. Ĉar de l' stomako komenciĝas la civilizeco. Por mi, la civiliziĝo dependas parte de la vivmaniero, kaj vianda dieto ne povas kuniĝi kun la sentoj la plej altaj, la plej noblaj, je kiuj kapablas la homo.

Sekvi la naturon, jen la regulo tiel malnova kaj samtempe ĉiam nova! Ĝi estas la plej racia konduto, venkonta la mondon.

*Domela Niuwenhuis*, Hilversum.
Trad.[1]: *A. Ŝarapov*, Ĝenevo.

## La lando de ĉiama amuzado

II

Dum la vintraj monatoj ne okazas ia tuttaga festo, sed iun sabaton en aŭgusto la komercvojaĝistoj organizas karnavalon.

En aŭgusto ankaŭ okazas la plej bela festo de la tuta jaro. Estas ankoraŭ ia vintro, sed la florado de la „Wattle" (akacio) anoncas, ke printempo baldaŭ venos. „Wattle" estas la nacia floro de Aŭstralio. La arboj kreskadas ĉe la bordoj de riveroj, en la arbaroj, en la grandaj ĝardenoj de la riĉuloj, en la intermontoj kaj en la publikaj parkoj. Dum la tempo de plena florado la kamparo estas nepriskribeble bela pro la oraj floroj kaj la delikata parfumo. En la tago, kiun ni nomas „Wattle Day", oni alportas grandan kvanton de „Wattle"-floroj al Melburno, kaj la belaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj fariĝas dum unu tago florvendistinoj. Ili gardas la fervojajn stacidomojn, ili eniras la bankojn, magazenojn, oficejojn, kaj oni ne povas diri al ili „ne". Ili promenas la stratojn kaj devigas ĉiun aĉeti bukedeton. Posttagmeze ĉiu viro, virino kaj infano portas floraron da „Wattle". La riĉuloj pruntedonas siajn aŭtomobilojn, la aktorinoj ĉiam partoprenas en la vendado, kaj la plej modaj sinjorinoj klopodas la tutan tagon, por sukcesigi la aferon. Oni jare enspezas 20,000 Sm., kiujn la hospitaloj danke ricevas. En septembro okazas la Printempa Ekspozicio de la Agrikultura asocio. Ĝi malfermiĝas mardon kaj daŭras ĝis sabato. Kompreneble miloj da bienistoj kaj terkulturistoj vizitas Melburnon. Meznombre ili estas 20,000. La hoteloj estas plenplenaj. Ĵaŭdon oni ĉesigas la laboron ĉe meztago, kaj iras al „Showground" (la loko de la ekspozicio). Je sabato, la ĝenerala duona libertago, oni same faras. Krom la montrado de specimenoj de altgradaj brutoj, kortbirdoj kaj maŝinoj, estas ĉevala konkurado trans barajoj, konkursoj inter trotĉevaloj, paradoj de la brutoj, ŝafoj kaj hundoj, kaj la maŝinaro estas ĉiam funkcianta; tial oni ne miras, ke 167,392 personoj vizitis la lastjaran ekspozicion.

La ĉefa amuzaĵo de oktobro estas „Henley on the River Yarra". Tiu estas granda akva karnavalo. La rivero Jara preterfluas la randon de la komerca parto de Melburno. Ĝis iu punkto ĝi estas irebla por eĉ la plej grandaj vaporŝipoj, sed trans tiu loko la pontoj baras la vojon al ŝipoj, la rivero trafluas parklandojn kies belaj kreskejoj etendiĝas ĝis la rivero mem. Ĉe la „Henley" oni gaje ornamas boatojn — kiujn ni nomas Domboatoj — per girlandoj de floroj,

[1] Parolado ĉe la 4a Internacia Vegetara Kongreso en Hago.

rubandoj, flagoj kaj standardoj kaj alligas ilin al la riverbordoj. Tie la riĉuloj tagmanĝas kaj ricevas siajn amikojn. Dum la posttagmezo la kurboatoj, movataj per unu, du, kvar kaj ok remantoj, el diversaj kluboj konkuras po du, unu kontraŭ la alia. Vespere la domboatoj, la petrolboatoj, kanotoj kaj remboatoj estas brile lumigataj per multkoloraj Ĥinaj lanternoj kaj dum la boatoj malrapide vagas ĉi tie kaj tie sur la rivero, „Henley" fariĝas sceno de feina beleco. Oni tiam faras grandan montron de artaj fajroj. Ambaŭ bordoj de la rivero estas plenaj de homoj, kiuj rigardadas la belan spektaklon ĝis malfrua horo. Oni kalkulas, ke almenaŭ cent mil personoj ĉiujare vidas „Henley"-on.

Novembre, ĉiam la unuan mardon, okazas la mondfama ĉevalkurado nomata „Melbourne Cup". La distanco, kiun la ĉevaloj kuras, estas du anglaj mejloj (proksimume $3^1/_4$ kilometroj), kaj la premio estas ĉirkaŭ 80,000 Sm. Kvin aliaj kuradoj okazas dum posttagmezo. Dum la semajno antaŭ la kurtago fervojoj kaj vaporŝipoj veturigas al Melburno alvenantojn el ĉiuj regionoj de Aŭstralio, kaj eĉ el Nov-Zelando kaj Hindujo, kaj kiam la granda kurado komenciĝas, estas ne malpli ol 120,000 vidantoj sur la kurejo ĉe „Flemington", tri mejlojn ekster Melburno. La kurejo troviĝas tre bele lokita; tie oni konstruis grandegajn kaj altajn videjojn, el kiuj oni povas bone vidi la ĉevalojn.

La kuradoj daŭras tage dum tuta semajno, kvar tagoj ĉe Flemington, la aliajn tagojn ĉe aliaj kurejoj. Decembro alportas la Kristnaskon. Kristnasktago kaj la sekvanta tago estas libertagoj. La disigitaj membroj de familio tiam unuiĝas se eble por kune ĝui la Kristnaskan feston. Se la gepatra domo estas en la kamparo, tien iras la gefiloj, kiuj aliloke loĝas. Kontraŭe, se la gepatra domo estas en urbo kaj la gefiloj laboras sur la kamparo, tiam ili renkontiĝas en la urbo. Kristnaskon oni devus observi kiel religian feston, sed, verdire, la Aŭstralianojn oni ne povas nomi religiuloj, ĉar plej parte ili preterlasis la religiajn observadojn. Oni neniam vidas en Aŭstralio la Kristnaskan arbon, nek aŭdas la Kristnaskan „Carol" (sankta kanto pri la naskiĝo de la Savanto), tiel amata de Angloj, la patroj de la plimulto de la Aŭstralianoj. Kvankam la vetero ĉiam estas tre varma kaj ne ekscitas la apetiton ni bone sekvas la anglan kutiman kaj ĉiu, laŭ sia eblo, havas pli altprezan manĝajon, ol kutiman. Rostbefo, meleagro, anaso, Kristnaska pudingo — ĉiuj trovas lokon sur la manĝotablo. La tagon sekvantan Kristnaskton („Boxing Day", tago, en kiu oni disdonas donacojn) oni ankoraŭ ne laboras. Ĉiu ano de familio donas memorajojn al aliaj familianoj, kaj la ludejoj de la infanoj estas superŝutataj de ludiloj tre karaj al la infana koro. Tre diversaj estas la amuzajoj el kiuj oni povas fari elekton. Ĉevalkuradoj, „Cricket Match", ekskursoj al marbordo aŭ kamparo, la teatroj, la kinematografejoj. Apenaŭ la rezultatoj de troa manĝado malaperis, oni preparas adiaŭi la forirantan jaron kaj bonvenigi la envenantan. La preĝejoj estas malfermataj por diservo, kiu finiĝas tuj post la noktomezo. En Melburno mem homamaso da 12,000 personoj kolektiĝis je la lasta 31 decembro apud la ĉefpoŝtejo kaj kiam la noktomezo alproksimiĝis, preskaŭ ĉiu persono bruis per kraketilo aŭ tamburo. Kiam la horoj sonoris tiam la bruo fariĝas surdiga; tiuj, kiuj ne havas kraketilojn krias plenvoĉe, kaj nur la unua sono de la horloĝa sonorilo aŭdiĝas.

La plej amuzaj popolkantoj de la horo estas ĥore kantitaj, kaj la homamaso grade disiĝas por ke oni ekprenu iom da ripozo antaŭ ol plue sin amuzi kiel antaŭe dirita dum la Novjartago.

Tio, kion mi priskribis, speciale rilatas al Melburno, sed en la aliaj Aŭstraliaj grandurboj oni ĝuas egalan nombron da festtagoj, kiuj, tamen, okazas je malsamaj tagoj. Ekzemple la ĉefaj ĉevalkuradoj, kaj la Agrikultura Ekspozicio en Sidney prezentas grandan allogilon dum la Paska tempo, kaj simile en la aliaj urboj, la jaraj longaj kutimoj kaj la devigoj de la klimato kondukis al la nuna aranĝado de la festtagoj, sed kvankam iuj festoj okazas je malsamaj tempoj en diversaj lokoj, sume la festoj en la jaro estas egale nombraj en la tuta kontinento. Mi pensas, ke mi estas prava kiam mi diras, ke kvankam la Aŭstralianoj scias bone labori, ilia lando estas la scenejo de preskaŭ senĉesa amuzado.

*Charles W. Ballard*, Vicdel.,
Melbourne.

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **Statistiko de la Poloj.** — Ne estas facile, ricevi tute precizan statistikon de Poloj, ĉar tial ke Pollando ne estas sendependa regno, oni estas devigata ĉerpi el oficialaj aliregnaj statistikoj, kiuj ne estas kunmetataj en tute sama maniero.

Laŭ tiuj dokumentoj ni ricevas la jenajn ciferojn:

| | 1910 | 1900 |
|---|---|---|
| Ruslando . . . . . | 11,800,000 | 8,288,000 |
| Aŭstrio . . . . . . | 4,967,000 | 4,252,000 |
| Pruslando . . . . . | 4,014,000 | 3,470,000 |
| Aliaj landoj de Eŭropo | 1,100,000 | |
| Usono . . . . . . | 2,930,000 | |
| Aliaj mondpartoj . . | 400,000 | |
| Total | 25,211,000 | |

Inter tiuj $25^1/_5$ milionoj preskaŭ 21 loĝas sur terspaco de 250,330 km², el kiuj antaŭ la milito 42,174 apartenis al Pruslando, 80,872 al Aŭstrio kaj 127,319 al Ruslando.

Jen la statistiko de la ĉefaj polaj urboj: Varsovio 872,478 loĝ., Lodz 408,330, Lvov 206,113, Vilno 184,482, Poznan (Posen) 156,681, Krakow 151,886.

Krome granda nombro de Poloj loĝas eksterlande. Interese estas citi Chicago'n kun 300,000 Poloj, kio faras el ĝi la trian urbon polan. New York, Buffalo, Detroit havas ĉiu po 50,000 kaj Berlino kalkulas ĉirkaŭ 60,000.

∴ **La arbaro „Herzl".** — Estas konate, ke ĉe la Izraelidoj ekzistas grava movado, nomita Sionismo, kun la celo reloĝatigi Palestinon per Judoj. Ĝia fondinto estis D-ro Theodoro Herzl, mortinta antaŭ 11 jaroj en Vieno. Lia lasta deziro estis, ke, se iam Izraelo denove posedus la sanktan landon, oni tion transportu lian korpon. Kvankam la klopodoj de S-ro Herzl ne trovis la unuaniman konsenton de liaj samgentanoj, la Sionisma movado estas forta, kaj oni diras, ke ĉe lia enterigo dek mil Izraelidoj akompanis lian ĉerkon.

Por honorigi la majstron, liaj samideanoj starigis monumenton en la sankta lando; estas monumento sprita kaj bela, kvankam ne el ŝtono aŭ bronzo, nome arbaro: la arbaro Herzl. Palestino estas lando senarbara; por ke ĝi ekfloru pliaj arboj estas necesaj, tiel por la klimato de la lando kiel por la sano de la loĝantoj. La Izraelidoj kolektis do monon; ĉiu Sionisto estis petata donaci unu aŭ plurajn oleoarbojn, po 7 frankoj, kaj la „societo por la oleoarba kolekto" aĉetis grandan, senarban kaj senakvan terpecon. Hodiaŭ, post kiam plia lando estas akirita, estas plantitaj 90,000 arboj, kaj cisterno je 180 metroj da profundo akvigas la arbokulturejojn. En du aliaj lokoj oni jam komencis krei similan arbaron Herzl. Per tiuj plantajoj multaj enmigrintaj familioj trovas laboron. Oni kalkulis, ke 100,000 arboj plenkreskaj donos kun la tempo jaran enspezon de duona miliono da frankoj, kiuj unuavice estos uzataj je la favoro de Izraelida universitato en Jerusalemo. — *St.*

# La fotografisto

De **Alphonse Daudet**

Ĉar ili havis la aspekton de tre modesta familio, kies meblaro trovis sufiĉan lokon en manĉareto, ili devis antaŭpagi la luprezon. Estis lupago de gipssekigantoj; ili ja loĝas en la kvina etaĝo de nova domo, sur unu el tiuj grandaj, ne finitaj bulvardoj, plenaj de surskriboj, de ruboj, de neokupitaj spacoj ĉirkaŭataj per bretoj. Estas odoro de freŝa koloro en tiuj tri ĉambretoj, tre heligataj de rekta lumo, kiu pli forte sentigas la nudecon de la muroj. Jen unue la laborejo, kun fenestrego simila al glaskovrilo por melonoj, kun fera forneto malgaja, malvarma, kun pretaj koakspecetoj, kiujn oni ekbruligos nur se venas kliento. La fotografaĵoj de la familio estas kroĉitaj sur la muro: la patro, la patrino, tri infanoj, sur seĝoj, starantaj, kunigitaj, apartaj, en ĉiuj eblaj pozicioj; poste kelkaj monumentoj kaj pejzaĝoj duone manĝitaj de la suno. Estas restoj el la tempo kiam ili estis riĉaj, kiam la patro fotografis por sin amuzi. Nun la malfeliĉo alvenis, kaj li, ne lerninte metion, provas krei unu por sia dimanĉa plezuro.

La aparato, kiun la infanoj ĉirkaŭas kun timema respekto, okupas la honoran lokon, meze en la laborejo, kaj en siaj partoj el flava, polurita kupro, en siaj glasegoj, konveksaj kaj brilaj, ĝi ŝajnas esti englutinta la tutan lukson, ĉiujn belŝajnojn de tiu eta, malriĉa loĝejo. La aliaj mebloj estas malnovaj, flikitaj, vermopikitaj kaj tiel malmultnombraj. La patrino surhavas uzitan robon el nigra silko, ĉifitan, kelkajn puntojn sur la kapo — eksteraĵo de vendistino en magazeno ne multe vizitata. La patro, kontraŭe, pagis al si belan bireton de artisto kaj veluran veston por imponi al la simpluloj. Sub tiuj brilaj malluksaĵoj, kun sia granda lunforma frunto plena de iluzioj, siaj mirigitaj kaj naivbonaj okuloj, li ŝajnas tiel nova kiel la aparato. Kaj kiel li ekscitiĝas, la malfeliĉulo! Kiel li kredas sin grava! Oni devas lin aŭdi, admonantan la infanojn: „Ne iru en la nigran ĉambron!" La nigra ĉambro, oni kredus, ke estas kavaĵo de profetino... Fakte, la mizerulo estas zorgoplena. Paginte la luprezon, la lignon, la karbon, li ne plu havas unu moneron. Se ne supreniros klientoj, se la elmontra tabulo fiksita ĉe la dompordo ne haltigas trapasanton, kion manĝos vespere la infanoj?.. Tamen, Dio zorgos. La instalo estas finita. Nenio plu povas esti preparita, polurita. Ĉio nun dependas de la trapasantoj.

Minutoj de atendo kaj korpremo. Patro, patrino, infanoj, ĉiuj estas sur la balkono por esplori. Inter tiom da homoj sur la strato, certe troviĝos iu kliento, kial ne?... Sed ne. La popolamaso iras, venas, interkruciĝas laŭlonge de la trotuaro. Neniu ekhaltas. Jes, tamen. Jen sinjoro, kiu proksimiĝas al la elmontrejo. Li rigardas la portretojn unu post la alia; li ŝajnas kontenta... li supreniros. La entuziasmigitaj infanoj jam proponas ekbruligi la fajron. „Ni atendu", diras singardeme la patrino. Kiel ŝi agis saĝe! La sinjoro daŭrigas la vojon, promenante. Unua horo, dua horo. La lumo fariĝas malpli klara. Grandaj nuboj trapasas. Tamen je tia alteco oni povus ankoraŭ fari bonegajn provaĵojn. Sed kial, neniu ja venas? Ĉiumomente estas emocioj, falsaj ĝojoj; estas paŝoj, kiujn oni aŭdas en la ŝtuparo, ili alvenas ĝis la pordo kaj subite malproksimiĝas. Unu fojon oni eĉ sonis. Iu demandis la adreson de la antaŭa luinto. La vizaĝoj fariĝas longaj, la okuloj pleniĝas je larmoj. „Ne estas eble", diras la patro, „ĉu oni forprenis la elmontrejon? Iru do rigardi, karulo". Post momento la infano resupreniras, konsternite. La kadro pendas ĉiam je sia loko, sed estas kvazaŭ ĝi ne estus. Neniu atentas ĝin.

Cetere, ekpluvas... Vere, sur la vitrojn de la laborejo la pluvo komencas fali kun moka brueto. La bulvardo estas nigra de pluvombreloj. Oni eniras la ĉambron, fermas la balkonpordon. La infanoj frostas; sed oni ne kuraĝas hejti la fornon, kiu enhavas la lastan porcion da karbo. Ĝenerala konsterno. La patro marŝas grandpaŝe, kun pugnoj kunpremitaj. Por ke oni ne vidu ŝin plori, la patrino sin kaŝas en la alia ĉambro. Subite infano, kiu profitis sunbrilon por reiri sur la balkonon, frapas vigle sur la fenestro: Paĉjo, Paĉjo, estas iu malsupre ĉe la elmontrejo". Li ne eraris. Estas sinjorino, sinjorino bonvestita, ho jes! Momenton ŝi rigardas la fotografaĵojn, hezitas, levas la kapon... Ah, se ĉiu el la okulparoj de supre sur ŝin direktataj nur enhavus eron de magnetforto, kiel ŝi suprenkurus kvarpiede la ŝtuparon. Fine la sinjorino decidiĝas. Ŝi eniris, supreniras. Jen ŝi estas. Rapide la alumeton sub la fajron, la infanojn en la apudan ĉambron. Kaj dum la patro reordigas sian bireton, la patrino kuras por malfermi, emociite, ridetante, kun la modesta silkbrueto de sia malnova robo.

"— Certe, sinjorino, estas ĉi tie —." Oni klopodas, oni sidigas ŝin. Estas persono el la sudo, iom babilema, sed tre komplezа, ŝatanta sin montri. La unua provaĵo malsukcesas. Bone, oni rekomencos, ne gravas. Kaj sen iu malbona humoro la sinjorino el la sudo remetas la kubuton sur la tablon kaj la mentonon en sian manon. Dum la fotografisto arte ordigas la faldojn de la jupo, la rubandojn de la kufo, oni aŭdas premitan ridadon, puŝojn kontraŭ la malgranda vitrita pordo. Estas la infanoj sin alpuŝantaj por observi la patron, kiu kaŝas sian kapon sub la verda drapo de l'aparato kaj senmove staras kiel besto el la Apokalipso kun travidebla okulego. Ho, kiam ili estos grandaj, ili ĉiuj fariĝos fotografistoj... Jen fine bona provaĵo, ankoraŭ gutanta je akvo, kiun la patro triumfe alportas. En tiu blank-nigra miksaĵo la sinjorino sin rekonas, mendas dekdu kopiojn, pagas antaŭe kaj kontentege foriras.

Ŝi foriris, la pordo estas fermata. Vivu la ĝojo! La infanoj dancas ĉirkaŭ la aparato. La patro, tre emociita de sia unua verko, majeste sekigas la frunton; poste, ĉar la tago finiĝas, la patrino rapide malsupreniras serĉi vespermanĝon, bonan manĝeton specialan je la honoro de la unua tago en la loĝejo, kaj ankaŭ, ordo ja devas esti, grandan taglibron kun verda dorso en kiu oni notas per belaj rondaj literoj la tagon de la liverado, la nomon de la sinjorino el la sudo kaj la enspezon: dekdu frankoj! Pro veremo ni devas aldoni, ke dank' al la pasteĉo kaj sukeraĵo, per kiuj oni festis, dank' al la modestaj provizoj de karbo, sukero kaj kandeloj, la cifero de la elspezoj ĵus egalas la enkasigitan monon. Sed ba! se oni faris dekdu frankojn hodiaŭ, dum tago de pluvo, de instalo, taksu kiom oni faros morgaŭ. Kaj la vesperon oni pasigas farante projektojn. Estas nekredeble, kiom da projektoj trovas spacon en malgranda loĝejo de tri ĉambroj, je la kvina etaĝo, kontraŭ la strato!..

La proksiman tagon, brila vetero, kaj neniu. Ne unu kliento. Kion vi volas? Tia estas la komerco. Cetere restas iom da pasteĉo, kaj la infanoj ne enlitiĝas kun malplena stomako. La sekvantan tagon, denove nenio. La restadoj sur la balkono fervore rekomencas, sensukcese. La sinjorino el la sudo venas preni siajn bildojn, jen ĉio. Tiun vesperon, por havi panon, oni devis porti al la pruntedonejo unu el la matracoj... Du tagoj, tri tagoj simile forpasas. Nun regas kruda mizero. La malfeliĉa fotografisto vendis sian veluran bireton, la veston; restas al li nur vendi la aparaton kaj serĉi iun oficon kiel magazena komizo. La patrino ploras, la senkuraĝigitaj infanoj eĉ ne plu iras esplori sur la balkono. Subite, sabaton matene, kiam ili plej malmulte iun atendis, aŭdiĝas la sonorilo. Estas edziĝa festo, tuta festantaro, kiu suprenrampas la kvin etaĝojn por fotografiĝi. La edzo, la edzino, la honoraj fraŭlino kaj fraŭlo, bonaj popolanoj, kiuj surmetinte gantojn por la unua fojo, deziras eternigi la memoron je la solenaĵo. Tiun tagon oni enspezas tridekses frankojn. La sekvanta tago alportas la duoblon. Estas finite. La fotografejo estas instalita... Kaj jen unu el la mil dramoj de la malgranda Pariza komerco.

Trad. *Ed. Stettler.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Vi serĉas rifuĝejon sur la kamparo, sur la marbordo, sur la montaro; vi ankaŭ tion tre deziras. Sed ĉio tio ĉi ne estas inda de filozofo, tial ke vi povas, kiam vi volas, rifuĝi en vin mem. Nenie trovas la homo pli trankvilan rifuĝejon kaj ripozejon ol en sia animo, precipe la homo, kies interno tia estas, ke kliniĝante por rigardi en ĝin, li retrovas la sennubecon de bonorda animo. Haviĝu ĉiam al vi mem tian rifuĝejon, kaj vin renoviĝu en ĝi. Havu je via dispono kelkajn mallongajn kaj simplajn sentencojn, kiuj, prezentante sin al via spirito, vin liberigos de ĉiu ĉagreno kaj vin igos kapabla, ĉion senkolere suferi en la mondo, kien vi revenos. Kaj kial indigni? Pro la malboneco de l' homoj? Ne forgesu, ke la raciaj estaĵoj naskiĝis unu por la alia, ke la toleremo estas parto de la justeco, ke la homoj spite si mem estas kulpaj, ke miloj inter ili, post milito, post suspekto, post malamego, post reciprokaj vundoj estas sternitaj de l' Morto kaj encindriĝis. Ĉion tion ĉi pripensu, kaj ne plu plendu.*

*Antaŭ ĉio ne maltrankviliĝu, ne ribelu, restu „libera", kaj konsideru ĉion vire, home, civitane, kiel estaĵo naskita por morti. Jen nun la du kondutreguloj, kiujn vi ĉiam devas teni antaŭ via spirito: unue, la eksteraj objektoj ne „tuŝas" nian animon; ili estas sensentaj for de ĝi; niaj turmentoj devenas nur de nia opinio pri ili; — due, ĉio, kion vi vidas ĉirkaŭ vi preskaŭ subite ŝanĝiĝas kaj baldaŭ ne plu estos; kiom da ŝanĝoj vi jam povas atesti! Senĉese pripensu: la mondo estas nur aliformiĝo, la vivo nur tio, kion ni mem opinias.* El Marko Aurelio.

*Trad.* Th. Cart.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Britujo.

*Hastings:* La vespera kurso starigita de la Edukada Komitato liveras tre kontentigan rezultaton. — *King's Lynn:* S-ino Kendrick komencis kurson. — *Patrick:* La grupanoj faris viziton al la Greenock Societo, kie ili ricevis tutkoran bonvenon. — *London:* S-ro P. Blaise faris paroladon i. a. ĉe la Kooperativa Gildo Edmonton. La sukceso estis tute bona. La Esperantaj Diservoj daŭrigas okazi kun meza ĉeestado de 55 personoj en preĝejo Harecourt. — *Sheffield:* La antaŭkursa koncerto havis bonan sukceson; kurso komenciĝis.

## Francujo.

*Beaujeu:* Kursoj okazas sub la gvidado de S-ro Méras. — *Beauvais:* S-ro Demarcy senlace daŭrigas propagandon en la lokaj gazetoj; li faras kurson ĉe la unuagrada supera lernejo. — *Bizerte:* Sur la krozŝipo „Jules Ferry" estas ĉiutage kurso por la maristaro de la ŝipo, sub la gvidado de S-ro Perrin. — *Nice:* Ĉe la Katolika Esp. Grupo okazis malferma kunsido de la vintra laborsezono. Multaj ĉeestantoj kaj novaj kandidatoj. Sekcio por priblindula laboro definitive organiziĝis renkontante grandan fervoron; Braille'a biblioteko ekfondiĝis. Blindulo mem estas sekretario. Por tuta laboro Esp. kaj Braille'a estis prezentata kaj akceptata serioza programo.

## Germanujo.

*Achim* (Hannover): Nova grupo fondiĝis sub la gvidado de S-ro Fricke, el Bremen. — *Berlin:* Ĉiuj kunvenoj estas bone vizitataj; ili okazas en „Rotes Haus", Nollendorffel 3. — *Bromberg:* S-ro Szymanovski gvidas la vintran kurson. Grupano, S-ro Pankratz, fondis grupon en flandra tranŝeo. — *Camberg:* Kurso komenciĝis. — *Essen:* Post parolado de S-ro Pillath, komenciĝis kurso kun 40 partoprenantoj. La favoro de la ĉiutagaj gazetoj tre helpis la klopodojn. — *Gera:* La grupo aranĝis familian vesperfeston vizititan de ĉ. 200 personoj. S-ro Ulitzsch, prez., paroladis pri Esp. kaj Ruĝa Kruco. — *Hildesheim:* S-ro Elten faris paroladon ĉe la Rektorkunveno; li gvidas duan kurson ĉe la Laborista Esp. Grupo. — *Königsberg:* La grupo havis sian ĉefkunvenon, ĉe kiu paroladis S-ro Schwaiger, Del., pri Esp. dum la milita tempo. Aranĝo de kurso estas decidita. — *Leipzig:* Ĉe la unua vintra kunveno, S-ro deputato Steche parolis pri la dummilitaj sukcesoj de Esp. — *Regensburg:* La Esp. Lega Rondo organizis du kursojn kun 16 lernantoj. Paroladoj de S-roj Meier kaj Mühleisen okazis ĉe la 8ª klaso de la gimnazio. — *Schweidnitz:* Propaganda vespero okazis ĉe la stenografista unuiĝo Stolze-Schrey.

## Italujo.

*Borgo S. Donnino:* P-ro M. Carolfi komencos elementan kurson. — *Bologna:* S-ro F. Palmeggiani, prez. de la Esp Emilia Asocio, paroladis ĉe la Junaj Esploristoj; kurso estis organizita speciale por ili. — *Firence:* Ĉe la regiona kunveno de UEA, la nelacigebla Del., S-ro Scarselli, prezentis raporton pri la dummilita agado de UEA, en kiu oni atentigis pri la faritaj servoj; la kunveno poste elektis la diversajn reprezentantojn kaj alprenis gratulesprimon je la Esp. gazeto itala „L'Esperanto" kaj je la gazetoj, kiuj helpis nian movadon. — *Piacenza:* Oni decidis aranĝi du kursojn, elementan kaj superan. — *Siracusa:* Grupo fondiĝis laŭ la iniciato de P-ro P. Fredas, prof. ĉe la Teknika Instituto; jam aliĝis 80 personoj.

## Nederlando.

*Assendelft:* S-ro J. F. Schultink sukcese propagandis ĉe soldatoj. Li gvidas kurson kun 20 lernantoj. — *Dordrecht:* Post parolado de F-ino J. C. Isbrücker-Dirksen ĉe la Virina Klubo, 18 sinjorinoj sin enskribis por kurso. — *Rotterdam:* La estraro de la Propaganda Komitato aranĝis agrablan vesperfeston.

## Norvegujo.

*Kristiania:* F-ino Finholt gvidas kurson por progresintoj. Nome de la Esp. Unuiĝo de Norvegaj instruistoj, S-ro S. Engesgaar Christie faras kurson por komencantoj. — *Rjukan:* Klubo fondiĝis, kaj dusemajna kurso stariĝis.

## Rusujo.

*Moskvo:* Ĉe la jara ĝenerala kunveno de la Esp. Societo, la ĉeestantoj firme decidis subteni la societon per ĉiuj rimedoj, kiuj nur dependas de ili, ĉar pro la milito multaj anoj estas prenitaj en la armeon. La komitato por 1916 konsistas el S-ro A. A. Saĥarov, prez.; J. Kamolikov, vicprez.; A. A. Simov, kas.; S-ino O. G. Gabrik, bibl.; S-ino H. S. Istomina kaj S-ro M. P. Aleksandrov, sekr. La Societo, malgraŭ la milito, volonte estas vizitata ĉiusabate. — *Ostrogojsk:* Esp. ekdisvastiĝas ĉe la gimnazio. — *Petrograd:* La Esp. Rondeto ĉe l' Universitato rekomencis sian agadon kaj klopodas pri organizo de kurso. — *Taŝkent:* S-ro A. Bànoczy, hungara militkaptito, organizis kurson por militkaptitaj oficiroj. — *Tiflis:* Ĉe la virina universitato, Esperanto estas metita sur la oficiala programo kiel nedeviga fako; la kurson gvidas D-ro Andreo Fiŝer, profesoro de fiziologio ĉe la naturscienca fakultato de la nomita universitato.

**Svedujo.**

*Gävle:* S-ro W. Wahlund instruas kurson kun 22 partoprenantoj. S-ro Adamson gvidas kurson ĉe la socialdemokrata juneca klubo. — *Skutskär:* Kurso malfermiĝis sub la gvidado de S-ro O. Magnusson.

**Svisujo.**

*Bern:* S-ro R. de Saussure, prezidanto de S. E. S., faris du paroladojn pri Esp. kaj la mondpaco. — *Genève:* Okaze de la datreveno de D-ro Zamenhof, la grupo Stelo aranĝis sukcesan festeton; S-ro Hodler paroladis pri la verko de nia Majstro. — *Lugano:* La grupo havis sian unuan vesperfeston, kiun kronis brila sukceso. Multaj personoj sin enskribis por venonta kurso okazonta en januaro. S-ro Charley gvidas kurson, ĉe kiu ĉeestas i. a. instruistoj el la urbaj lernejoj.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Decidoj de la Komitato de UEA.** La Komitato de UEA, demandita per cirkuleroj dum decembro 1915, alprenis jenajn decidojn:

1. La Komitato aprobas la raportojn pri agado kaj administrado de la Asocio, kaj dankas la Centran Oficejon pro ĝia laboro.

Konstatante, ke la pasinta financa jaro ne donis deficiton, ĝi rajtigas la Financan Fakestron disponi pri la enspezoj de la Asocio laŭ ĝia bezono kaj, se necese, pruntepreni ĉe la Garantia Kapitalo, konforme al la decido N-ro 2ª de la lasta jaro.

2. La Komitato rajtigas la Centran Oficejon fari kaj krei la servojn adaptitajn al la cirkonstancoj. En landoj nemilitantaj la aliaj servoj, precipe tiu de informpeto, devas funkcii kiel antaŭe; kontraŭ la neakurataj Delegitoj estos aplikataj la kutimaj sankcioj. Se Delegito ne povas labori, li kaj la membroj de lia regiono estas petataj elekti provizoran anstataŭanton kaj informi la Centran Oficejon pri tio.

La Komitato dankas la Delegitojn kaj membrojn, kiuj dum la pasinta jaro helpis al la laboroj de la Asocio, per transdonado de leteroj, serĉado de malaperintoj, vizitoj ĉe familioj, aŭ per aliaj klopodoj.

3. Aperos Jarlibro por 1916. La enkasigo de la kotizajoj fariĝos kiel kutime, sed la Centra Oficejo ne forstrekos la membrojn, kiuj pro la milito ne povis pagi. La lastjara decido N-ro 4ª, kiun oni starigis por helpi al la militsuferantoj kaj ne por favori la malordemulojn, estas do ŝanĝata en tiu senco, ke ĉesos la membreco de la personoj, kiuj nek estas mobilizataj, nek alimaniere estas pro la militstato serioze malhelpataj sendi ĝustatempe sian kotizajon.

4. Konsiderante la neeblecon aranĝi nun regulan balotadon pro la mobilizo de multaj membroj, la Komitato decidas prokrasti ĝis post la milito la ĝeneralan ĉiutrijaran balotadon de la Delegitoj kaj Vicdelegitoj, kiu laŭ la Statuto estis okazonta je la fino de 1915. Dume, la ĝisnunaj reprezentantoj konservas sian oficon.

5. La Komitato konfirmas la politikan neŭtralecon de UEA, kiel ĝi estas fiksata en la Statuto, kaj konstatas kun plezuro, ke dum la pasinta jaro alvenis neniu plendo pri manko je tiu regulo. Por ke tiel restu, la Komitato ree petas, ke la membroj ne uzu titolojn aŭ aranĝojn de UEA por aferoj, kiuj estas ekster ĝia agadkampo.

6. Konsiderante la decidojn de la Dek-unua Universala Kongreso de Esperanto en San Francisco, la Komitato de UEA:

*a)* Deklaras sin preta kunvoki post la milito la dek-duan Universalan Kongreson en neŭtrala lando, se tiel estas la deziro de la Esperantistoj. UEA volonte traktos pri tio kun la Danaj Esperantistaj organizaĵoj kaj, se ĝi funkcias kaj estas atingebla, kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj.

*b)* Akceptas la sugeston de la dek-unua Kongreso, nome: „Ke UEA sendu al ĉiuj konataj societoj de Esperantistoj informpetojn pri la stato de la movado en iliaj lokoj, kun la celo, plifaciligi per tiuj kolektitaj informoj la restarigon de amikaj rilatoj post la milito.“ La Komitato konsideras tiun enketon kiel unu el la diversaj klopodoj, kiujn je pli favora tempo UEA entreprenos por denove amike interrilatigi la tutmondajn Esperantistojn. Dankante pro la konfido, kiun la Kongreso montris al UEA per siaj decidoj kaj per transdono de unu el la tri grandaj memorigaj medaloj, la Komitato esprimas la deziron, ke okaze de la montritaj oficialaj klopodoj ĉiuj Esperantistaj organizaĵoj fervore kunlaboru.

7. La Komitato ree atentigas ĉiujn Esperantistojn pri tio, ke la ekzisto de forta internacia asocio estas plej grava por la tuta movado. Malsame al aliaj celadoj, kiuj ne povis rezisti al la milito, UEA kun sia Centra Oficejo daŭris labori, kuntenis la internaciajn rilatojn kaj per siaj servoj efike propagandis por Esperanto. Tiu agado favore impresis aliajn internaciajn oficejojn kaj personojn, kiuj ĝis nun dubis pri la seriozeco de la Esperantistaj aferoj. Post la milito oni devos klopodi pri la alproksimiĝo de la diverslandaj samideanoj por komuna agado. Tiu grava tasko sukcesos nur, se ĝin entreprenas, el neŭtrala loko, asocio multnombra, finance bonstata, kiu reprezentas se eble la plimulton de la Esperantistoj. Ni do petas, ke ĉiu aliĝu, eĉ se nuntempe la rektaj profitoj el la membreco ne estas speciale grandaj. La estonto de Esperanto dependas de nia unueco!

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 30 novembro estis enkasigitaj 393 kotizaĵoj (el kiuj 19 subtenantoj kaj 144 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 8.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato novembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,540 | 1,576 |

*Tuta sumo:* 3,116. (Antaŭa monato: 4,261.)

**Novaj Delegitoj.**

*Elbing* (Germanujo, Westpr.). — VD.: S-ino Erna Hoolzer, Innerer Mühlendamm 22/23.

*Massy* (Francujo, Seine-et-Oise). — D.: S-ro Pierre Muffang, studento, 30, route de Verrières.

*Piacenza* (Italujo). — D.: S-ro Faŭsto Cadel, 9, Piazza Sant' Antonino.

*Pirmasens* (Germanujo, Pfalz). — D.: S-ro A. Mulert, bei H. Busch.

*Stockholm* (Svedujo). — VD.: S-ro W. Herbst, skulptisto, Svedenborgsgatan 37, III. ö. g.

**Ŝanĝoj.**

*Hartford* (Usono, Connecticut). — D.: S-ro Carl Lundin, poŝtoficisto, c. o. Post Office.

*Palma de Mallorca* (Hispanujo, insulo Mallorca). — D.: S-ro Narciso Bofil, inĝeniero, Sindicato (Ensanche). — VD.: S-ro Mariano Jaquotot, str. Peleteria N-ro 7.

*Regensburg* (Germanujo, Bayern). — VD.: S-ro Hans Meier, Stahlzwingerweg 10, I.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Bourg-la-Reine* (Francujo); *Karlsruhe* (Germanujo).

### Adresŝanĝoj.

*Elbing* (Germanujo, Westpr.). — D.: S-ro H. Greff, Hindenburgstrasse 25, II.

*Leiden* (Nederlando). — D.: S-ro Th. Elbers, Haarlemmerweg 69.

*Nijmegen* (Nederlando). — D.: S-ro H. de Winter, St. Stephanusstr. 60.

# Alvokoj

## Nederlanda Konsilantaro kontraŭ la milito

La „*Nederlandsche Anti-Oorlog Raad*“ (Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito) estas konvinkita, ke por la disvastigo de ĝiaj ideoj, ankaŭ estas utile propagandi en Esperantujo. Ĉiuj, kiuj volas ricevi informojn, skribu al la Sekretariejo, 51, Theresiastraat, Hago, aŭ al subskribinto. Reciproke estus tre utile, se la Konsilantaro ricevus informojn pri ĉiuj pacinstigoj el Esperantujo. Tial la redakcioj de Esperantaj gazetoj estas petataj sendi ekzempleron de ĉiuj N-roj en kiuj troviĝos porpaca artikolo, al

*C. Chr. Droogendijk*, Del.,
Stavenisse (Nederlando).

## Propagando de Esperanto

La Bostona Esperantista Societo, por nia internacia lingvo tre deziras la helpon de ĉiuj Esperantistoj, kaj laŭ tio ni petas respondojn al la jenaj demandoj aŭ iu el ili:

1e Ĉu vi povas kaj volonte donos al ni faktojn, kiuj respondas al la ofta demando ĉu Esperanto jam troviĝas komerce, sociale aŭ alie helpema?

2e Kiel sukcesas via grupo, klubo aŭ asocio?

3e Per kiaj metodoj vi sukcesas la instruadon de komencantoj?

4e Kiujn lernolibrojn vi trovis la plej bonaj?

6e Ĉu vi havas iajn specialajn sugestojn por la Esperanto-instruistoj?

5e Ĉu vi havas iajn proponojn por la sukcesa kondukado de Esperantaj kluboj aŭ societoj? rilate al facila interparolado, al subtenado de intereso ĉeesti la kunvenojn (per ŝanĝo de programo), k. t. p.?

7e Kiun varb-metodon vi opinias la plej bona?

Ni prezentas la suprajn demandojn speciale por havigi faktojn kaj sugestojn, kiuj estos helpemaj por propaganda parolado, je la Bostona Publika Biblioteko, kaj por la komenca klaso havonta ĝian unuan kunvenon nelonge poste.

Eble respondoj faciliĝos, se ni diros ion pri nia propra societo. Ĝi kunvenas ĉiumarde vespere. Kelkaj el la anoj vespermanĝas kune ĉe apuda restoracio je la sesa, tiamaniere havante oportunan okazon por interparoli Esperante. Progresinta grupo kunvenas je la sepa. La regula kunsido de la societo okazas je la oka. La „spertuloj“ apartiĝas baldaŭ post la oka kaj duono, tiel forigante la malfacilaĵon spertatan kiam oni penas taŭgigi la kunvenon laŭgrade, t. e. por spertuloj kaj nespertuloj. Tiu ĉi metodo de apartiĝado jam ekzistas nur kelkajn monatojn. Ŝajne, ĝi funkcias tre bone; kaj, plue, la „spertularo“ havas specialan kunvenon, tutvespere, ĉiumonate.

Kompreneble, nia nuna celo devus esti la interesigo de pli granda nombro da personoj kaj laŭcele havi pli grandan komencan klason ol antaŭe. La konstanteco de la semajna ĉeestado (meznombre ĉirkaŭ dudek, escepte dum la somero kiam eble ĝi estas dek) plaĉas al ni; sed la varbado estas nesufiĉa.

Sendube la rezultatoj de tiu ĉi enketo estos publikigata en „*Amerika Esperantisto*“ kaj represata en aliajn gazetojn; tiamaniere ĝi estos uzebla de ĉiuj interesuloj.

Al helpemaj respondantoj ni plezure sendos specimenojn de la sapujo nomita „Pillar Tray“, kiun, laŭ nia opinio, la ricevontoj tre ŝatos. Tiu estas reklamata de la „Esperanto Komerca Kompanio“, nova entrepreno havanta la saman adresejon kiel ni. Ĉu vi ne opinias, ke la titolo de tiu kompanio estus bona por komerca mondorganizo kun distriktaj sennombraj filioj? (Ni komprenas, ke UEA tute ne intencas esti „komerca“ organizo por aĉetado kaj vendado; alie, ni rekomendus, ke ĝi atentu pri tiu mondafero.) Rimarku, ke la titolo de tiu nova organizo komencas per la nomo „Esperanto“. Grava afero, ni opinias; ĉar, kiam Esperantisto alvenas en ian samidean lokon, tra la tuta mondo, devus esti, ke li trovu samideanojn per serĉo en la telefona aŭ urba adresaro sub titolo komencanta per la vorto „Esperanto“, plivole ol per la nomo de la urbo aŭ alia vorto. Ĉu vi ne aprobos se novaj Esperantaj aroj, laŭ tiu celo, havos „Esperanto“ por la antaŭa nomo?

*Bostona Esperanto Societo,*
503, Pierce Building, Copley Square, Boston, U. S. A.,
*Roger Goodland*, Sekretario.

# Esperantia Parolejo

## Propagandu ĉe la militkaptitejoj!

Ekzistas en la diverslandaj kaptitejoj kelkaj centmiloj de kaptitoj, inter kiuj troviĝas certe multe da mezinstruitaj viroj. La pli multaj el ili ne havas regulan okupon, kaj verŝajne ŝatinda nombro inter ili lernus nian lingvon, se ni povus ilin atingi per nia propagando.

Sed kiel oni povas tion fari?

En la kaptitejoj, kien la hazardo jam alkondukis Esperantiston, la afero estas relative facila dank' al la natura propagandemo de niaj samideanoj. Ricevinte la necesajn propagandilojn kaj lernolibretojn, li povas konigi nian lingvon kaj instrui ĝin al tiuj el siaj kamaradoj, kiuj montras ian intereson. Tiamaniere Esperanto estis enkondukata en kelkajn kaptitejojn.

Sed en la aliaj?

Por trafi la celon, estas necese, ke ĉiuj nemilitistaj Esperantistoj kunlaboru. Multaj el ili mem konas militkaptitojn. Eĉ se ĉi tiuj ne deziras lerni nian lingvon, ili supozeble ne rifuzos la servon doni la adresojn de pli lernemaj kamaradoj, kiujn nia movado povus interesi.

Kiam Esperantisto ne konas mem militkaptitojn, li certe havas en sia rondo de konatuloj personojn, kiuj rilatas kun kaptitoj kaj de kiuj li povos peti tian servon.

Kompreneble tiu propagando devas esti diskreta kaj lerta. Oni ne vane penu Esperantigi kiun ajn, sed nur tiujn, kiuj iamaniere jam montris ian inklinon por nia afero.

Trovinte la taŭgajn varbotojn oni sendu al ili propagandilojn, lernolibron kaj laŭeble facilan legaĵon. En tiu rilato la grupoj povus utile helpi, preparante propagandmaterialon, kiun ili metus je la dispono de la membroj, eventuale kontraŭ malalta pago. Nek propagandiloj, nek lernolibroj mankas. Jen estas bonega okazo por utiligi ilin.

Oni ofte demandas: Kion grupo povas fari dum la milito? — Ĝi okupiĝu pri propagando ĉe la militkaptitejoj. Ĝi instigu ĉiujn siajn membrojn por kunlaborado. Ĝi rilatu kun la helpsocietoj al militkaptitoj, speciale kun tiuj, kiuj sin okupas pri dissendo de libroj, kaj donacu al ili kelkajn propagandilojn kaj lernolibrojn.

Propagandu Esperanton ĉe la militkaptitejoj! Ne preterlasu tiun okazon konigi nian lingvon al vastaj aroj da homoj, kiuj reveninte en sian patrujon, povos fariĝi fervoraj samideanoj.

Oni ofte skribas: Ni laboru kaj esperu. Tro ofte ni nur esperas. Ni ne nur esperu, sed ankaŭ *laboru!* *Stelo.*

Estus tre dezirinde, ke ĉiuj grupoj konigu en ESPERANTO tion, kion ili faras, por akceli nian movadon ĉe la militkaptitoj. Kiu donos la ekzemplon?

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Benassy**, el Paris (Franc.).

**Birkmeier**, el Bitterfeld (German.).

**Carolfi**, el Piacenza (Ital.), frato de S-ro Modesto Carolfi, Del. en Rimini.

**Dietrich**, el Leipzig (German.), membro N-ro 2940.

**Dupuit**, el Suresnes (Franc.).

**Hodierne**, sekretario el la Esp. Grupo de Creil (Franc.).

**Kirchhoff**, el Bitterfeld (German.).

**Kraftzik**, el Breslau (German.), membro N-ro 2759.

**Kressmann**, el Elberfeld (German.).

**Lebas**, sekretario de la estinta grupo el Boulogne sur Mer (Franc.).

**Letord** (Kapitano), el Aïn Sefra (Alĝerio), garantianto de UEA.

**Michaux**, el Boulogne sur Mer, filo de la organizinto de la unua Esp. Kongreso.

**Michelsen**, el Mölln i. L. (German.).

**Gueisser**, el Leisnig (German.).

**Sentieri**, el Verona (Ital.)

**Tapaszto**, Vicdel. de UEA en Ungvar (Hungar.), membro N-ro 7299.

**Wengler**, Del. de UEA en Berlin, dumviva membro N-ro 75.

**Zeissig**, el Oberpesterwitz (German.), membro N-ro 7709.

**Zimmermann**, el Mölln i. L. (German.).

* * *

Kun granda bedaŭro ni eksciis la morton, post longa senpardona malsano, de S-ro **C. Stevanini**, antaŭa Del. de UEA en Verona (Ital.), kaj tre sindonema samideano, la plej malnova en Verona.

* * *

Rilate al la morto de nia bedaŭrata samideano **E. Wengler**, Del. de UEA en Berlin, la Esp. Gruparo Berlin kaj la Esp. Distrikta Rondo sendas al ni la jenajn biografiajn notojn:

„La Berlinaj Esperantistoj funebras profunde pro la tro frua morto de sia samideano S-ro Ehrenfried Wengler. La kara mortinto estis dum pli ol du jaroj en nia mezo kaj ĉiu, kiu lin konis, scias, kia lerta, vigla, laborema kaj propagandema Esperantisto li estis. Malgraŭ sia juneco (li naskiĝis la 12 aprilo 1891) li havis eksterordinaran energion kaj organizan talenton; tial liaj ideoj kaj iniciatoj videble progresigis nian movadon ĉi tie.

„Pro lia taŭgeco ni elektis lin kiel sekretarion de la Esperanto-Gruparo Berlin kaj poste 1913 kiel Delegiton de UEA. Precipe ĉi tiun oficon li plenumis en vere modela maniero, kaj ni perdis en li kunlaboranton neanstataŭigeblan.

„Menciinda estas plue lia fideleco kaj valora influo al la ‚Esperanto diskuta-rondo', kies kunfondinto kaj plej fidela membro li estis ĝis eksplodo de la milito.

„Partopreninte la grandan batalon en Champagne, li mortis ĉe la atakado en Galicio la 21 julio.

„Dankeme kaj kore ni memoru pri li, neniam li estu forgesata!"

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu informi nin pri ĉiuj samideanoj mortintaj dum la milito kaj ne ankoraŭ anoncitaj en la tie ĉi publikigitaj listoj.



# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO